# Agrablajn feriojn kun neforgeseblaj travivaĵoj!

juna amiko



INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

ILEI

JUNIO 2000

N-ro 2 (93)

## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1500 vort'radikojn. Tiuj ĉi vortoj aperis en: ***Esperanto, Minimum szótár*** (1995), kiu jam plene el-ĉerp'iĝis. Nun ili estas al-ir'eblaj ĉe Interreto, en la hejm'paĝo de Juna Amiko: *http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto*

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de fin-aĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la rekonon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto revenas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komenc'anto (esperantisto, patrino ...) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo

☺

***Sur la titol'paĝo: Fotoj de Zagrebaj knabinoj kiuj laboras en fak'rondo***

# Ĉu militoj estas necesaj?

*Ĉu vi provis iam veni al la radikoj de militoj? Certe jes, ĉar milito estas la plej terura malsano de la homaro.*

*Nun mi volas dividi kun vi miajn spertojn tiu-rilatajn. Aŭskultu, mi petas.*

*La vera kialo estas* ***avido*** *je potenco fizika aŭ intelekta, je tio ke mi staru super la ceteraj, valoru pli ol ili. Rigardu kverelojn, inter-batalojn en la klaso, sur strato, en familioj, ĉie tio est'igas malpacon, milit'emon.*

*Teorie ĉiu kondamnas[1] militon, tamen facile fariĝas viktimo de "patriota[2]" propagando, ĉar estas nenio pli simpla ol konvinki homon, popolon, ke li/ĝi estas pli bona, pli saĝa ol la "malamiko". La afero estas des pli facila, ĉar vi konas la malamikon nur laŭ rakontoj de la "amikoj". Kaj ĉi tiuj vortoj estas duone malveraj, duone negative selekt'itaj por ne est'igi en vi eĉ dub'eton. Vi ĉiu-tage ricevas vian dozon[3] de malamo kontraŭ "fremd'uloj".*

*Kial oni toleras tion? Ĉar plej ofte oni havas nek eblon, nek tempon kontroli la ver'econ de la informoj. Jen en tio kuŝas la grav'eco de komuna lingvo. Ĝi estas rimedo, kiu ebligas kontroli la verecon de asertoj. En internacia lingvo estas malfacile mensogi, ĉar ankaŭ la "malamiko" legas ĝin kaj tuj povas refuti[4].*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. el-diras mal-benon / 2. patr'uj'ama / 3. porcion por unu fojo / 4. venke re-bati per trafaj faktoj.

**Renato Corsetti**
[Renato Korsetti]
Honora prezid'anto de TEJO,
vic'prezidanto de UEA,
sekretario de la
Akademio de Esperanto



## Esperanto signifas por mi...

*Esperanto signifas por mi multon. Mi al-venis al ĝi pro interes'iĝo pri fremdaj lingvoj kaj kulturoj. Kiam oni, kiel jun'ulo, mem-lernas la svahilan[1], oni evidente estas tre bona kandidato[2] por iĝi esperantisto.*

*Mi restis pro tio, ke mi vidis, ke Esperanto ne estas nur lingvo, sed ke ĝi estas ankaŭ ilo por igi la mondon pli justa. Mi komprenis, ke la klopodoj por dis-vast'igi Esperanton estas sam'tempe klopodoj por protekti la malfortajn lingvojn kaj kulturojn kontraŭ la fortaj.*

*Ĉar mi nature emas defendi malfort'ulojn kontraŭ fortuloj, estas evidente ke, ankaŭ pro tio, mi estis bona kandidato por esperantist'eco.*

*Pro tio mi restas ankoraŭ nun. Mi ne estas tiom interes'ata pri la kulturaj valoroj de la Esperanto-komun'umo mem, kiom pri la kulturaj valoroj de ĉiuj mal- kaj mez'grandaj hom'grupoj, kaj pri la ebl'eco helpi ilin plu-vivi kaj rezisti[3] la pliiĝ'antan premon de la fortuloj.*

*Mi ne pensas ke ni devas sen-esper'iĝi pro la nuna forto de difin'itaj lingvoj. La filoj de tiuj, kiuj nun diras al ni "Ho, ĉesu. La angla jam venkis", morgaŭ diros al ni "Ho, ĉesu, la hispana, la ĉina... jam venkis". Ili estas homoj, kiuj nature al-iĝas al la venk'antoj. Sed ni, **la esperantistoj**, estas homoj, kiuj **nature aliĝas al la just'eco**, kaj tio ŝajnas al mi prefer'inda.*

*Fine, mi volas diri, ke mi dediĉas ĉi tiun artikol'eton al la "nekon'ata esperantisto", al tiuj esperantistoj, kiuj "semas kaj semas konstante..."[4].*

Daŭr'igo sur paĝo 7

**NIA KULTURA HEREDAĴO**[1]

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo per la plumo de nia fidela kunlabor'anto, el-stara islanda poeto, **Baldur RAGNARSSON**. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel'konscia esperantisto, sukcesa pled'anto por nia nobla ideo. (Red.)*

---

## 10 *Edmond PRIVAT — la dolĉa Vorto!*

### BILDOJ EL LA HISTORIO

En la komencaj jaroj de Esperanto ne malmultaj verkem'uloj faris provojn krei poemojn en la nova lingvo. Tio montris fidon al la lingvo kiel taŭga esprimilo de poezio[2], kvankam la rezultoj estis modestaj. Sed la tempo de matur'iĝo estis proksima: en 1912 aperis *Tra l' silento* de Edmond Privat, 23-jara sviso, kiu jam tiam fam'iĝis inter la esperantistoj kiel oratoro[3] kaj verk'isto. Pri tiu libro, preskaŭ duon'jar'centon poste (en antaŭparolo al *Jun'aĝa verk'aro de Privat*), la hungara Esperanto-verkisto *Julio BAGHY* [Bagi] esprimis sian memor'aĵon jene: "la unua verko, kiu sukcesis sugesti[4] al mi la penson, ke Esperanto estas destin'ita[5] por la poezio pro sia melodia[6] bel'son'eco". Baghy citis la unuajn versojn de la poemo *Lasta kiso* kiel pruvon pri la "melodia belsoneco":

*Vi kien flugas, papilio*[7]*,*
*Trem'ante kaj rapide?*

*Jam mortis rozo kaj lilio*[8]
*Kaj venas frost' perfide*[9]*.*

Jes ja, Baghy pravas pri la belsoneco, sed tio estas nur ekstera vesto, pli gravas la senta en-havo de la poezio de Privat. *Lasta kiso* ne temas pri homaj ge-am'antoj, kiuj devas disiĝi por-tempe aŭ por ĉiam, kiel oni anticipe[10] supozus, sed pri sol'eca papilio, kiu ĝis-vivis la komencon de la vintro, kaj baldaŭ mortos don'inte lastan kison al "velkinta krizantemo". La temo havas romantikan[11], tamen serioze trankvilan tonon: eta vivo akceptas

# LITERATURO DE LA ESPERANTA



Edmond Privat

morton per kiso – kiel naturan proceson[12]:

*Vi kial flugas en mal-varmo*
*Tra flora la tomb'ejo?*
*Sur ĉiu loko pluva larmo*
*Nun restas en herb'ejo.*

*Silentas ĉiuj en la nestoj*
*Kaj svenis[13] bon'odoroj.*
*Jam ne batalos vi kun vespoj[14]*
*Pri la flor'etaj koroj.*

*Jen restas nur en kampo vasta*
*Velkinta krizantemo[15],*
*Sur kiu kiso via lasta*
*Mort'igos vin en tremo.*

La poemoj de Privat havas aŭtentikan[16] karakteron ĉefe kiel konvinka esprimo de sinceraj sentoj. Estas evidente, ke la poeto tiel firme sidas en la lingvo, ke estas al li nature uzi ĝin kiel esprimilon de siaj sentoj. La poemoj estas romantikaj kaj sving'iĝas[17] inter sentoj de ĝojo kaj malĝojo. Foje ili iel obskure[18] aludas[19] al spertoj, kiujn la poeto plu-tenas misteraj kaj ne-klar'ig'itaj al la leganto. La unua strofo[20] de la unua poemo *Ĉu en tombejo?* jam atestas tiun metodon:

*Dum tie vi staris en nigra mantelo*
*Kaj ĉerkon[21] en foson aŭskultis*
*de-gliti,*
*Ĉu brilis la suno? Ĉu bluis ĉielo?*
*La tombon neniam mi volas viziti.*

Kial la poeto neniam volas viziti la tombon? La sekv'antaj ses strofoj tion ne klarigas, sed al-donas pliajn misterojn[22]. La konvinke serioza tono de la poemo tamen kun-portas aludojn sufiĉajn por doni al la poemo statuson de aŭtentiko. Samo validas pli-malpli pri

la ceteraj poemoj, la senta esprimo ĉiam sin asertas, ofte per kontrastoj[23], plej klare en la plej longa poemo *Sur vojo de l' vivo,* kiu havas du partojn, la unua esprimas amon, esperon kaj ĝojon, la dua perdon kaj malesperon.

La rolo de Privat en la disvolv'iĝo de Esperanto kiel senta esprimilo trovis sian teorian[24] pri-trakton en lia verko *Esprimo de sentoj en Esperanto* (1931). Tiu libr'eto daŭre validas kiel konvinka argumento[25] por la sent'esprimaj rimedoj de Esperanto kaj kiel libro de instruo por tiuj, kiuj jam lernis la lingvon, sed deziras ĝin plue studi.

Edmond Privat lernis Esperanton en sia junaĝo kaj mir'inde rapide akiris tioman majstr'econ pri la lingvo, ke li jam kiel 16-jar'ulo vekis multan atenton en la Unua Universala Kongreso (1905) pro matura elokvent'eco[26] kaj oratora stilo. Krom *Esprimo de sentoj* liaj plej konataj prozaj verkoj estas *Historio de Esperanto* kaj *Vivo de Zamenhof*, ambaŭ klasikaj verkoj laŭ spirito kaj stilo. La spirito estas idealisma, la stilo poezi'eca.

Se la stilon de Zamenhof karakterizas grand'parte ellabor'ita sin-takso[27], la stilon de Kabe sen-komplika rekto, la stilon de Privat karakterizas bela harmonio[28] de bon'son'eco kaj emfaza[29] vort'ordo. Tamen, la diferencaj stiloj de tiuj tri estas ĉiam kristale[30] klaraj kaj sam'egale efikaj por siaj apartaj celoj.

Edmond Privat mortis en aŭgusto 1962, 73-jara. Liaj personaj re-memoroj aperis en la posta jaro sub la titolo *Aventuroj de pioniro* en redakto de lia sam'land'ano *Henri Vatré.* La titolo estas aparte taŭga. Privat estis pioniro de Esperanto en Svis'lando kaj internacia propagand'isto jam de junaĝo.

1. hav'aĵo, ricev'ita post antaŭ-ulo(j) / 2. arto de poemoj / 3. parol'art'isto / 4. provi trans-igi sian senton kaj volon / 5. destini: antaŭ-fiksi la celon aŭ uzon de io / 6. agrabla por la orelo / 7. insekto kun kvar grandaj koloraj flug'iloj / 8. bela blanka floro / 9. mal-fidele / 10. antaŭe / 11. sento-plenan, fantazian / 12. naturan sin-sekvon de okaz'aĵoj / 13. perdis la konscion / 14. abelo-similaj insektoj / 15. aŭtuna floro kun densaj blankaj flor'folioj / 16. ne-dub'eble veran, ne-falsan / 17. alterne pasas de unu flanko al alia / 18. ne-klare, mallume / 19. ne-klare diras, tamen iel kompren'igas / 20. kelkaj versoj kiel unuo de poemo / 21. keston por la korpo de mort'into / 22. mal-klarajn kaj parte sekretajn fenomenojn, aper'aĵojn / 23. mal-sam'ecoj de du objektoj, fenomenoj / 24. mal-praktikan / 25. aserta pruvo / 26. eco paroli konvinke, majstre / 27. scienco pri la frazoj / 28. ĝusta kaj plaĉa aranĝo de la partoj / 29. akcenta / 30. ĉi tie: tute klare.

*Unu tia esperantisto informis min pri Esperanto, kiam mi estis 16-jara. Temis pri maljuna esperantisto, loĝ'anta en suda Germanujo, apud la vilaĝo Falkenstein. Tie mi estis partopren'anta jun'ularan internacian tend'aron. Li venis iun tagon, kaj dis-donis al la partoprenantoj propagandajn[5] poŝt'kartojn kun granda verda stelo, lia adreso kaj kelkaj informaj frazoj pri Esperanto.*

*Mi, per mia, tiam fiere lern'ata germana demandis la tendarestron pri li kaj la tendarestro respondis: "Li estas maljuna stultulo, loĝ'anta ĉi-apude". Mi, tamen, konservis la poŝtkarton kaj pensis pri ĉi tiu afero, kaj post kvin aŭ ses jaroj, kiam mi vidis lernolibron de Esperanto en libro-vend'ejo, mi aĉetis ĝin.*

*Mi neniam sukcesis re-trovi tiun esperantiston. Kiam mi estis en kondiĉo serĉi lin, li ver'ŝajne jam estis mort'inta. Tamen mia danko al li restos granda. Li estis unu el tiuj "nekonataj esperantistoj", kiuj komprenis, ke ni devas semi konstante, ankaŭ se ni ne vidos la frukton de nia laboro.*

*Renato Corsetti, 22-a de februaro 2000*

**1. komuna lingvo por iuj orientaj Afrik'anoj / 2. homo elekt'ebla por iu funkcio / 3. kontraŭ-stari / 4. cit'aĵo el la poemo de Zamenhof: La vojo / 5. reklam'celajn.**

## PAROL TURNOJ

Perfekt'igu vin per sukaj esprimoj!

**Kapti akvon per mano** (fari vanan, super-fluan laboron)
**Mal-pli ol nenio** (tute mal-sufiĉa)
**Ne gutas mielo el la ĉielo** (por ĉio oni devas pene labori)
**Tio kostos al li la kapon** (tio kondukos al pereo, falo)
**Je mia vorto!** (ĵuro, promeso pri plen'umo el mia flanko)
**Prunti de leporo piedojn** (kuri tre rapide kiel leporo)
**Pafi sin for** (tre rapide mal-aperi)
**Esplori la fundon de glaso** (ebri'iĝi)
**Ne en unu tago el-kreskis Kartago** (ĉio valora bezonas paciencon kaj vol'forton)
**Mielaj vortoj** (flataj vortoj kun, eble, kaŝ'ita intenco)
**Plen'ŝtopi sian ventron** (sat'manĝi)
**Li ne mortos lite, sed pend'ig'ite** (li estas pun'inda mal-bon'ulo)
**Kiu vivos, vidos!** (la est'ont'eco montros, ĉu io reali'iĝos aŭ ne)
**Nutri sin per esperoj** (trompi sin per ne-realaj esperoj)

El la kolekto de *Ada* C*SISZÁR* kaj *Kolomano* K*ALOCSAY*

*Metu la esprimojn en frazojn kaj sendu ilin al nia redakcio (p. 27).*
Ni lot'umos premiojn!

***Post ĉiu kvara jaro kun-venas sport'istoj el la tuta mondo por komune partopreni en la Olimpiaj Ludoj. Tio estas la plej granda kaj grava sporta konkurs'aro en la mondo. En tiu ĉi jaro ĝi okazos en septembro, en la Aŭstralia urbo Sidnejo. Certe, dum la tuta jaro la komunik'iloj de ĉiuj landoj raportos pri tiu ĉi evento[1].***

***Tial hodiaŭ ni volas iom-ete rakonti pri la historio de tiuj ĉi ludoj.***

# Olimpiaj Ludoj

## Kiel ĉio komenc'iĝis?

En Grekio troviĝas la urbo *Olimpio*. Iam tie okazis la plej gravaj mal-nov-grekaj (helenaj) festoj. Dum tiuj festoj, komence oni akcentis[2] la religian karakteron, sed poste ĉiam pli la sportan. Okaze de la festo oni proklamis[3] ĝeneralan pacon inter la grekaj urbo-ŝtatoj.



Sed kiel ek-estis la Olimpiaj Ludoj? Laŭ iu greka mito[4], fondis ilin la helena heroo *Heraklo*. Foje, li ricevis de sia reĝo vere malagrablan taskon: pur'igi la stalojn[5], kie oni tenis multajn bestojn. Heraklo faris tion en rekorda[6] tempo, ĉar li estis forta viro. Sed la reĝo ne volis pagi al li la promes'itan sumon. Tio ege koler'igis la fort'ulon kaj li mort'igis la reĝon. Li al-propr'igis ne nur la best'aron, sed ankaŭ la tronon[7]. Kaj, por re-pac'igi la diojn, li fondis la Olimpiajn Ludojn. Ekzistas ankaŭ aliaj mitoj, sed ĉu ili estas veraj aŭ ne, neniu scias.

**H**istorie estas pruv'ite, ke en Olimpio, ek-de la jaro 776 antaŭ nia erao[8], regule, ĉiun kvaran jaron, okazis grandaj festoj. El tiu tempo konserv'iĝis la nomo *Koroibos*. Li estis vere viv'anta persono, la unua kon'ata olimpia venk'into.

Li venkis en la tiama unu-sola konkurso: kuro je unu stadio (1 stadio egalas proksim'ume 190 metrojn). Partopreni en la ludoj rajtis ĉiu honesta viro el Grekio, kiu povis pruvi, ke li preparis sin por la ludoj dek monatojn; la lastan monaton rekte en Olimpio, sub la kontrolo de organiz'antoj kaj lud'gvid'istoj. La ludoj daŭris kvin ĝis sep tagojn.

**O**kazis jenaj konkursoj:

***Kuro*** – je mallonga distanco (1 stadio), je longa distanco (ĝis 4600 m), poste ankaŭ soldata kuro kun plena ekip'aĵo[9].

***Lukto*** – simila al la nun-tempa liber'stila lukto. Venkis tiu, kiu la kontraŭulon tri-foje ĵetis teren.

***Pugno-batalo*** – Oni batalis sen gantoj[10].



***Pankraco*** – Lukto de soldatoj, kombinita el lukto kaj pugnobatalo.

***Pentatlono*** – Konkurso en kvin disciplinoj[11]: salto je distanco, kuro, disko-ĵeto, lanco[12]-ĵeto kaj lukto.

***Konkurso sur ĉevaloj kaj ĉaroj***[13].

Dum jaroj la grekaj Olimpiaj Ludoj fam'iĝis ankaŭ en aliaj landoj. Ĉefe en la landoj ĉe Mediteraneo[14]. Ili plej multe prosperis[15] post la milito kontraŭ la Persoj, en la jaroj 468-400 antaŭ nia erao. Poste venis regreso[16]. Grekio estis reg'ata de Romio. Fin'fine, en la jaro 394 de nia jar'kalkulo, la imperi'estro *Teodozio* mal-permesis la ludojn. Dum dek kvin jar'centoj la Olimpia ideo restis forges'ita. Nur en la jaro *1896*, laŭ la propono de la Franco ***Pierre de Coubertin*** *[Pjer de Kuberten]* okazis en Ateno la unuaj nov'tempaj Olimpiaj Ludoj.

*Dieter* B*ERNDT*, Germanio



1. grava okaz'aĵo / 2. pli-fort'igis la grav'econ / 3. oficiale anoncis / 4. rakonto pri dioj kaj praavoj / 5. brut'ejojn / 6. rekordo: plej bona rezulto / 7. reĝan seĝon / 8. ĉiu el la ĉefaj epokoj / 9. aro de ĉiuj bezon'ataj iloj kaj aĵoj / 10. man'vestoj / 11. ĉi tie: sporto-branĉoj / 12. longa ligna ilo por ĵeti / 13. du-radaj vetur'iloj / 14. maro inter Afriko kaj Eŭropo / 15. flore progresis / 16. mal-progreso.

| | | | |
|---|---|---|---|
| **MDCCCIV** | **DCCIC** | **CMLIX** | **MDCLXXXIX** |
| **CMLXXVI** | **MDL** | **MCMXCIX** | **MM** |

Ĉu vi divenis, kion signifas la ĉi-supraj skrib'aĵoj?

Iuj, ver'ŝajne jam scias, pri kio temas. Jes, tio, supre, estas nur "ordinaraj" numeraloj[1].

Vi jam lernis, aŭ almenaŭ aŭdis ie pri la romiaj 'ciferoj'.

Do, supre, vi ĝuste vidas kelkajn numeralojn skrib'itajn per romiaj 'ciferoj'.

Tamen, por ĉiu okazo, jen mal-supre la "ĉifroj[2]", per kiuj vi povos legi la suprajn numeralojn.

Agrablan "de-ĉifr'adon[3]"!

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **I** | 1 | **V** | 5 | **IV** | 4 | **X** | 10 | **L** | 50 |
| **XL** | 40 | **C** | 100 | **D** | 500 | **DC** | 600 | **M** | 1000 |

Ĉu vi sukcesis?

*Zoran Čirić,* Jugoslavio

1. kvantoj esprim'itaj per ciferoj / 2. ŝlos'iloj per kiuj oni povas solvi enigmon / 3. de-ĉifri: solvi malfacilan enigmon.

## Papilia[1] leciono

Foje, eta truo aperis en kokono[2]. Viro, kiu rimarkis tion, sid'iĝis kaj rigardis dum kelkaj horoj la pen'adon de la papilio, kiu provis pasi tra tiu tru'eto. Foj'foje ĝi haltis por kolekti forton. Fine, ŝajnis, ke ĝi ne sukcesos tra-pasi la truon. Tiam la viro decidis helpi la papilion. Li prenis tond'ilon kaj grand'igis la truon. La papilio facile el-iris el la kokono. Sed ĝia korpo estis ŝrumpita, mal-granda kaj kun ĉif'itaj[3] flug'iloj. La viro plu observis[4] la papilion, esper'ante, ke ĝiaj flugiloj mal-ferm'iĝos, etend'iĝos kaj ebligos al ĝi apogi la korpon. Sed nenio okazis.



Vere, la papilio restis, la tutan vivon, ramp'anta kun ŝrumpita korpo kaj mal-etend'itaj flugiloj. Ĝi neniam kapablis flugi. La viro ne komprenis, ke la mal-vasta truo kaj la necesa klopodo por pasi tra ĝi, estis la maniero, kiun Dio aranĝis, por ke la likv'aĵo de la korpo trans-iru en la flugilojn, por ebl'igi al la papilio bone flugi. ▶

*Lina* GABRIELLI

# Arto de ŝpar'emo

Vivis iam kamp'ar'ano, kiu volis, ke la filo lernu la arton de ŝparemo. Sci'ante, ke en la urbo loĝas lerta homo, kiu povas bone instrui la knabon, li akompanis la filon al tiu homo, forte rekomend'ante sever'econ en la lern'ado.

– Bone – la lert'ulo diris al la knabo –, ni sid'iĝu! Mi komencas la unuan lecionon.

Dum ili sidiĝis, la instru'anto diris:

– Ĉar mi nur parolos, ni ŝparu la lumon! Mi same bone povos lern'igi vin en mallumo.



Li parolis, parolis kaj, fine, li diris al la knabo:

– Ni faru lumon, por hodiaŭ sufiĉas.

Kiam estis lumo, la viro vidis, ke la knabo ne surhavas pantalonon.

– Kio estas tio? – demandis la lertulo tute mir'ig'ita, ne sci'ante kiel kompreni la situacion[1].

– Ho – diris la knabo –, ĉar ni sidis en mallumo, kial ne ŝpari ankaŭ la pantalonon. Dum sid'ado ĝi uz'iĝas, ĉu ne?

Tiam la lertulo diris:

– Kar'ulo, iru hejmen kaj ne re-venu! Vi ne bezonas lerni ŝparemon. Tion vi scias pli bone ol mi.

**1. kondiĉ'aro, en kiu iu trov'iĝas.**

---

Kelk'foje, la klopod'ado[5] estas ĝuste tio, kion oni bezonas. Se Dio permesus al ni tra-pasi la tutan vivon sen baroj, ni estus kripl'uloj[6]. Ni ne estus tiel fortaj, kiel ni povus esti. Ni neniam povus flugi.

*Ne-kon'ata brazila leg'anto*

1. papilio: vidu la bildon / 2. papiliid'ujo / 3. ĉifi: preme fald'adi sen-orde / 4. atente esplori / 5. pen'ado / 6. homo kun grava korpa difekto.

# Ekologia katastrofo



En la komenco de februaro 2000 okazis vera ekologia[1] katastrofo[2] en la baseno[3] de Karpatoj, Centra Eŭropo. Granda plur'nacia uzino[4] Aurol, kiu produktas oron, venenis per cianidoj[5] flank'riveron de *Tiso*. Multaj tunoj[6] da cianidoj trapasis regionojn de Rumanio, Hungario, Jugoslavio kaj, poste, *Danubo* portis la venenon plu preter Bulgario ĝis la maro. Post kelkaj semajnoj, alia uzino venenis per solv'aĵoj de pezaj metaloj: plumbo, kupro, zinko, mangano kaj hidrargo.

En la plej granda rivero (977 km longa) de la baseno de Karpatoj mortis mult'egaj fiŝoj (iliaj kadavroj[7] formis mont'etojn laŭ la rivero sur la bordoj). Pereis[8] ne nur miloj da fiŝoj (1241 tunoj), sed ankaŭ bestoj, kiuj venis al la rivero por trinki, kaj rabo-birdoj, kiuj konsumis el la venen'itaj kadavroj.

Dum longa tempo, trans-igi fiŝojn el lagoj en la riveron ne estos eble, ĉar pereis ankaŭ la mikroorganismoj[9] kiuj servas kiel nutr'aĵo por la fiŝoj kaj sen kiuj post kelka tempo la fiŝoj mortus pro malsato.

Homoj, loĝ'antaj proksime al la rivero, iris al la bordo kaj ĵet'adis flor'kronojn sur la river'akvon, por esprimi sian funebron[10] pro tio, ke la faŭno[11] de la rivero mortis por longa tempo.

Dum tagoj dekmiloj da apud-bordaj homoj ne havis trink'akvon, ĉar la river'akvo, en kelkaj lokoj, en-tenis cent-oblon da cianidoj super la permes'ata kvanto. Prezentu al vi la sorton de pluraj centoj da fiŝ'kapt'istoj, kiuj longe ne povos viv'teni sin kaj siajn familiojn, tiun de vilaĝ'anoj, kiuj vivas el turismo kaj la turistoj, kompreneble, ne plu vizitos la riveron. Fiŝ'vend'ejoj ne havas aĉet'antojn malgraŭ ke ĉie pendas sur-skribo: "Fiŝoj ne el Tiso", tamen multaj ne plu fidas, la aĉet'emo falis al kvar-ono de la antaŭa kvanto.

La rivero super-verŝis la apud-bordajn paŝt-ejojn, kampojn, kies kresk'aĵojn baldaŭ manĝos ŝafoj, bovoj kaj homoj. Ĉi tiuj kreskaĵoj en-havos venenon. Aŭ la homoj manĝos la viandon de la bestoj, kiuj tie sin paŝtis kaj tiel la veneno revenos al la homoj.

*Geza Kurucz,* Hungario

1. ekologio: scienco pri ekvilibro de la naturo / 2. grava mal-feliĉ'iga okaz'aĵo / 3. pli-malpli ebena regiono, kiun ĉirkaŭ-prenas mont'aro / 4. fabriko, kiu produktas aŭ pri-laboras metalon / 5. solv'aĵoj de forta mort'iga veneno / 6. unu tuno egalas 1000 kilogramojn / 7. korpoj de mort'intoj / 8. mortis / 9. okule ne-vid'eblaj viv'antaj est'aĵoj / 10. mal-ĝojon pro ies morto / 11. la tuta best'aro de iu regiono.

L A UNUA ETAĜO

Rubriko por la plej et-aĝaj esperantistoj

Redakt'ata de
Stefan MacGill
pf. 193
HU-1368 Budapest
Hungario
stefan.macgill@galamb.net

## *Aktoru ĉi tiun skeĉon[1]!*

*Dommastr'ino, s-ino Sonja Sibla babilas ĉe la bar'ilo kun najbar-ino, s-ino Neima Geblas:*

**Sonja**: Vi ne kredos! Aŭskultu! Estas kobro[2] en nia kamen'tubo!
**Neima**: Ĉu kobro? Mi tre dubas. Kiel vi scias, ke estas kobro? Ĉu vi vidis ĝin?
**Sonja**: Ne, mi ne vidis ĝin. Mi aŭdis ĝin.



**Neima**: Kian bruon ĝi faris?
**Sonja**: "Sssssssss"
**Neima**: Kelkaj bestoj sonas "Sssssss". Ne nur kobroj. Eble estas ansero[3] aŭ anaso[3].
**Sonja**: Sed mi lasis teler'eton da lakto en la kameno hieraŭ vespere, kaj hodiaŭ matene la lakto estis for!
**Neima**: Do, eble estas kato! Katoj ŝatas lakton kaj foje sonas "Sssssssss".
**Sonja**: Tute ne, ne povas esti kato!
**Neima**: Kial ne?
**Sonja**: Ĉar katoj ege timas kobrojn!

## enigm'etoj



① Kiu POMO ne kreskas sur arbo?
② Kiu LITO flugas tra la spaco?
③ Kiu TONO iras en la truon?
④ Kiu RANO povas bredi[4] bovojn?
⑤ Kiu URBO estas manĝ'ebla — du-foje?
⑥ Kiu BULO mal-helpas nin vidi bone?
⑦ Kiu VALO estas vigla kaj amuza?
⑧ Kiu LANDO estas tre malgranda, sed tamen severa?
⑨ Kiuj KANTOJ aŭd-iĝas, kiam du homoj star'igas sian aŭto-mobilon?




*Ĉu vi divenis la solvojn?*

*Se ne, turnu la foliojn ĝis la paĝo 27, kie vi trovos la solvojn.*

1. skeĉo: mallonga komika teatr'ajo kiel la ĉi-suba / 2. speco de serpento: vidu la bildon / 3. blankaj kort'birdoj kun rem-piedoj / 4. pri-zorgi bestojn.



HUNDO

# *Plej bona amiko, ĉu ne?*

Vi estas familio. Decidu, el kiom da personoj konsistas la familio (ĝi povas esti malgranda aŭ granda kun gepatroj, geavoj, geonkloj kaj infanoj). En la familio ĝis nun ne estas hundo.

Sed iu famili'ano (kiu? – vi mem decidu!) havas amikon, kiu donos ĉarman hund'idon sen-page. La demando estas, ĉu havi hundon en la familio? Unue decidu:

- Kiu prenos kiun rolon en la familio.
- Kie vivas la familio: en urbo, vilaĝo aŭ kamp'aro.
- En kia domo loĝas la familio: granda, malgranda kun aŭ sen ĝardeno.
- Kiuj aliaj dorlot'bestoj[1] estas en la familio?
- Kio troviĝas apud la familia domo: aliaj domoj, parko, arbaro, lago, aŭto-vojo, fabriko?
- Kiu-speca estas la hundo (specio[2], aĝo, sekso, koloro, temperamento[3])?
- Kiuj famili'anoj volas havi la hundon? Kiuj ne? (Estu egalaj nombroj!)

*Poste legu la plusajn ideojn (+), la avantaĝojn kaj la minusajn ideojn (-), la malavantaĝojn. Diskutu ilin kaj poste aktoru la familian diskuton. Kiu gajnos?*

1. dorloti: trakti tro protekte / 2. sam'karaktera speco / 3. tuto de re-ago-tipoj / 4. vigle pens'antaj / 5. trejni: korpe aŭ spirite prepari per ekzercoj / 6. longa bendo el ledo / 7. kurac'iloj / 8. nigra, sango-suĉa insekto / 9. troa, mal-san'eca sent'emo pri io / 10. arb'et'aĵojn / 11. hejmajn pied'vestojn / 12. trafajn pruvojn, kiuj atestas pri la ver'eco de konstato.







**ROLLUDO** **Aktoru ĝin. Ĝi estos amuza kaj interesa.**

## ☺ +: AVANTAĜOJ



- Hundo estas bona, fidela kaj ĉarma amiko.
- Infanoj povas bone ludi kun hundo kaj ami ĝin.
- Ĝi gardas la domon kontraŭ ŝtelistoj.
- Iuj hundoj estas tre inteligentaj[4] kaj bone trejn'eblaj[5].
- Estas agrable promen'igi hundon en suno-plena printempa aŭ aŭtuna tago.
- Se nask'iĝos hund'idoj, vi povos konservi aŭ vendi ilin.
- Iuj hundoj povas trovi perd'itajn infanojn kaj personojn.
- Ŝaf'hundoj, polic'hundoj kaj gvid'hundoj por ne-vid'antoj multe helpas homojn.

## ☹ -: MALAVANTAĜOJ

- Hundo estas multe-kosta besto: manĝoj, rimenoj[6], hundo-dom'eto, medikamentoj[7].
- Hundo povas mal-sani kaj oni devas porti ĝin al besto-kurac'isto.
- Hundo povas porti pulojn[8] kaj danĝerajn malsanojn en la domon.
- Hundoj kreskas. La ĉarma eta hundido, post du jaroj, eble aspektos (kaj manĝos) kiel urso.
- Estas terure promen'igi hundon en neĝa, venta, frosta vintra tago.
- Iuj homoj (viaj vizit'antoj eble) havas alergiojn[9] kontraŭ hundoj aŭ tim'igas ilin.
- Ĝi volas batali kun katoj aŭ aliaj hundoj, aŭ tro amik'iĝi kun aliaj hundoj.
- Ĝi el-fosas legomojn, difektas flor'bedojn, detruas arbustojn[10], dis-ŝiras pantoflojn[11].
- Iom post iom la hundo, eble, tedos vin kaj viajn famili'anojn.
- Iuj hundoj estas tre mal-inteligentaj kaj ne-trejn'eblaj.
- Vi ne povos el-meti vest'aĵojn por sek'iĝi, se la hundo estas libera en la korto.
- Ĝi, eble, naskos hundidojn, kiujn vi ne povos vendi kaj ne volos konservi.



Kiu gajnis? Ĉu la familio prenos la hundon? Raportu al ni la rezulton kaj la plej konvinkajn argumentojn[12]!





# Frato sur la strato

Muziko: ***Vesa Pölkki*** Teksto: ***Anja Karkiainen***




Mia eta vigla frato
Iam iris laŭ la strato.
Pro la jusa pluvveter',
Estis flako[1] sur la ter'.

Tien li en-ĵetis ŝtonon,
Mal-sek'igis pantalonon.
Serpent'umis kota[2] flu'
Laŭ femuro[3] kaj genu'.

Kaj el sub kaŭĉuka[4] boto
En aeron ŝprucis koto
Dum li skuis ĝin per tret'[5]
Kaj en-saltis kun impet'[6].

Glit'fal'ante en la flakon,
Mal-pur'igis li la jakon.
Koto gutis dum ek-star'
Sur vizaĝon el har'ar'.

Hejme panjo lin admonis.
Tuj li bani sin bezonis.
Tamen gaje diris li:
Esper'eble pluvos pli.



**Respondo kaj komplet'igo de la Sekreta poemeto sur paĝo 17.**

1. mal-granda kvanto da pluv'akvo sur vojo, tero / 2. koto: miks'aĵo el tero kaj akvo / 3. supra parto de kruro / 4. kaŭĉuko: arte-far'ita elasta materio, el kiu oni faras, ekzemple, pied'veston, kiu ne en-lasas akvon / 5. treti: forte premi per piedoj / 6. impeti: forte kaj vive sin ĵeti antaŭen.

# Ludu per FRAZOJ[1]!

Prenu vorton (nepre verbon[2]!). Por ekzemplo, mi elektas la vorton ***timi*** (mi rekomendas preni vorton, kies uzo diferencas de la gepatra lingvo-uzo). Petu iun konstrui, per ĝi, tre simplan frazon, kaj poste tuj demandi al kun-lud'anto:

– *Mi timas.* › *Ĉu vi timas?*

La demand'ito respondu al-don'ante ion (nur unu vorton aŭ afikson[3]) kaj tuj poste ankaŭ li/ŝi faru demandon al iu. Kaj la parolo tiel pasas de ludanto al ludanto. Ekzemple:

– *Jes, mi timegas.* › *Ĉu vi timas, timetas aŭ timegas?*

– *Mi apenaŭ timas.* › *Ĉu vi ofte timaĉas?*

– *Mi neniam timaĉas.* › *Kiun vi timas?*

– *Mi timas Andreon.* › *Ĉu ankaŭ vi timas lin?*




Kaj tiel plu. Estus bone ekzerci formojn: *tim**igi**, **ek**timi, tim**inda**, timi **pri iu**, (mal)tim**ulo**, (mal)tim**ema***. La demandoj povas vast'iĝi al ***kion, kial, kie, kiam*** iu timas aŭ ne timas.

Ĉiu respondo kaj tuja simpla demando valoras po unu poenton. Surprizan al-donon de nova formo rekompencu per unu aŭ du plusaj poentoj. Pro gramatika eraro de-prenu unu poenton. Se la ludo stumblas[4], helpe inter-venu!

Konform'igu la ludon al viaj bezonoj!

*Geza* K*URUCZ*, Hungario

**1. aroj da vortoj, post kiuj staras iu el la signoj: . ? ! ... / 2. i-vorton / 3. vort'far'ilon / 4. fal'etas, haltas.**

Jen estas la solvo de la *"Sekreta poemeto"* (La Unua Etaĝo, marto 2000, n-ro 1, paĝoj 20-21)

**A – por azeno.**
**Rapide ĝi iras.**

**En la mateno**
**ĉar'eton ĝi tiras.**

*Eble vi faris la rim'ajon pli lerte aŭ amuze.*

**Sendu ĝin al ni!**

*Kaj ĉu vi povas verki pri aliaj bestoj por la ceteraj literoj de nia alfabeto[1]?*

**Sendu ankaŭ tiujn!**

1. aboco.



# Pasero kun lango for-trancita

*(Malnova japana rakonto)*

Antaŭ longa tempo, vivis mal-juna paro en mont'ara vilaĝo. Iun tagon la edzo renkontis manĝ'eman paseron[1], kiu formanĝis lian tutan tag'manĝon. Sed li estis bon'kora, li ne koleris, male, amik'iĝis kun la bird'eto, kiu ek-loĝis ĉe li.

Alian tagon, dum la edzo forestis, la pasero formanĝis la rizo-kaĉon[2] de la edzino. Ŝi furioz'iĝis[3] kaj severe punis la bird'eton: fortranĉis ties langon[4]! La kompat'inda pasero for-flugis re-turne al la montaro.

La edzo tre bedaŭris pro tiu afero kaj ek-iris re-trovi la paseron. Post grandaj mal-facil'aĵoj li, fine, trovis ĝin kaj par-don'petis pro la malbon'faro de la edzino. La pasero, kvankam ne plu ema loĝi ĉe li, akceptis lian pardon-peton, montris al li du kestojn kaj petis lin preni unu el ili kiel signon de amik'eco. Unu estis granda, la alia mal-granda. Li elektis la mal-grandan, ĉar li estis jam mal-juna kaj malforta, tiel ke li ne povis porti la grandan. Re-ven'inte hejmen, li mal-fermis la keston kaj trovis en ĝi multe-kostajn trezorojn[5] el oro kaj arĝento.

La edzino tre enviis lin kaj ek-avidis la grandan donac'keston. Do ŝi iris viziti la paseron. Ĉi tiu akceptis ŝin, kiu sen-



ceremonie[6] postulis la grandan keston. La birdeto donis ĝin al ŝi, tamen kun mal-permeso malfermi ĝin antaŭ ol al-veni hejmen. Sed ŝi ne povis sub-premi sian sci'vol'emon kaj jam sur-voje malfermis la keston por ek-scii pri ties en-havo. Aperis el ĝi multaj malbelaj bestoj: serpentoj, skolopendroj, ktp (kaj tiel plu). Kaj la avar'ul'ino mortis pro ŝoko[7] kaj troa hororo[8].

Laŭ *"La Revuo Orienta"*, n-ro 2/99

**1. simpla griza bird'eto / 2. kaĉo: duon'densa manĝ'aĵo / 3. furioza: sen-bride kolera / 4. mov'ebla korpo-parto en la buŝo / 5. alt'valor'aĵojn / 6. ceremonie: precize laŭ la tradiciaj formoj / 7.subita mal-agrabla surprizo / 8. tim'ego.**

# Kial la Luno ne portas veston?

Oni rakontas ke, foje, la Luno petis sian patrinon ke, ĉar preskaŭ ĉiuj ter'anoj portas veston, ankaŭ ŝi deziras havi.



— Tre bone, filin'eto —, diris la patrino. — Morgaŭ ni kune vizitos kudr'ist'inon sur la Tero kaj ŝi faros por vi tre belan veston.

La ven'ontan tagon, la patrino kaj la filino vizitis la plej lertan kudristinon de la loko. Ŝi tuj faris la mezurojn al la Luno kaj diris, ke ŝi devos re-veni post kvin tagoj, por provi la veston.

La tempo pasis kaj la Luno estis akurata[1] en la domo de la kudristino. Sed kiam ŝi provis sur-meti la veston, ĝi montr'iĝis malvasta.

— Kio okazis? Ĉu mi eraris? — diris la virino kaj ŝi komencis denove preni mezurojn al sia klient'ino[2], kiun ŝi petis reveni post kvin tagoj.

La Luno agis laŭ la peto, sed la vesto ankaŭ ĉi-foje malbone sidis sur ŝi.



— Mi denove eraris —, diris la kudristino kaj ŝi atente prenis la mezurojn, poste petis la Lunon reveni post kvin tagoj.

La kudristino ek-laboris rapide. Ŝi jam preskaŭ finis sian laboron, kiam ŝi rigardis al la ĉielo kaj vidis tie la Lunon plen'ronda. Tiam ŝi komprenis, ke estos senutile sur-provi la veston. Ŝi laŭte ekkriis:

— Mi jam scias, kial neniu vesto konvenas al vi. Vi estas jen kvarona, jen duona, jen plena luno. Vi estas kiel mal-dika banano aŭ ronda kiel pilko.

Pro tio la Luno neniam portas veston.

El la hispana tradukis: *José de J. Campos Pacheco*, Kubo

1. plenum'anta promeson, taskon ĝusta-tempe / 2. kliento: vizit'anto por iu servo.

# Pri la FINNA saŭno



La moderna[1] finna saŭno[2] estas ligna ĉambr'eto en la hejmo, ĉu en urba apartamento[3], ĉu en unu-familia domo. Ĝi estas rapide hejtebla ĝis 70-90 gradoj per brulligno aŭ per elektro. Elektraj saŭnoj havas termostaton[4] kaj aŭtomatajn en- kaj el-ŝalt'ilojn. La rezist'iloj[5] troviĝas en metala kesto sub amaso da ŝtonoj. Komprenreble ankaŭ la ŝtonoj hejt'iĝas, sur kiujn oni ĵet'adas akvon, por ke est'iĝu vaporo kaj sento de pli da varmo. Fakte, la vaporo ne altigas la temperaturon, tute kontraŭe, sed oni sentas kvazaŭ la temperaturo[6] pli-alt'iĝus.

Apud la saŭno troviĝas duŝ'ejo[7] kun varma kaj malvarma flu'akvo. La temperaturo de la duŝejo estas inter 20 kaj 30 gradoj. Tie oni lavas kaj re-freŝ'igas sin per malvarm(et)a akvo post kaj inter saŭn'ado, kiu povas daŭri 20-90 minutojn.

Saŭnado signifas, ke oni tute sen-vesta ŝvitas kuŝante aŭ sid'ante sur benko en la saŭno kaj iu ĵetadas akvon sur la varm'egajn ŝtonojn laŭ-dezire. Intermite[8] oni pren'adas duŝon kaj refreŝigas sin en la duŝejo. La mal-forta lampo en la saŭno estas bone ŝirm'ita, la etoso[9] estas trankvil'iga.

Unuj saŭnas solaj, aliaj kun amikoj aŭ la familio. Plej ofte virinoj kaj knabinoj saŭnas aparte de viroj kaj knaboj. Ge-jun'uloj helpas maljunulojn, lav'ante ilian dorson, ekzemple. Se virino devas saŭni kun eksterland'anoj, por helpi ilin en la nekonata afero, ŝi sur-metas bankostumon.

Post ĉio tio oni ofte sidas kune, ne tute vest'itaj, rigardas televi-



don aŭ inter-parolas, aŭskultas muzikon, trinkas kafon aŭ teon, sukon aŭ bieron, rostas kolbasetojn ĉe fajro aŭ manĝas ion alian.



La kutimaj saŭno-tagoj estas merkredo kaj sabato, el kiuj sabato pli gravas, sed post ĉiu ŝvit'iga kaj malpur'iga labor'tago aŭ sport'ado oni ŝatas preni saŭnon. La plej grava saŭnado okazas en la antaŭ-tago de *Julo* (la 24-a de decembro) kaj en la antaŭtago de somer'meza *Johano-festo*, ĉirkaŭ la 24-a de junio.

Multaj homoj diras, ke post la saŭnado ili sentas sin kvazaŭ re-naskiĝ'intaj, sed homoj, kiuj suferas pro migreno[10], hipertensio[11] aŭ io tia, ne saŭnu.

Apud siaj somer'dom'etoj finnoj ŝatas havi saŭnon en aparta malgranda dometo ĉe lago-bordo. Tie la akvo ofte estas varm'ig'ita en grandega kaldrono[12] kaj la refreŝigan duŝon anstataŭas plonĝo[13] kaj naĝado en la lago. Tian somer-vesperan saŭnadon ofte akompanas admir'ado de la ĉirkaŭa naturo kaj tiu de la neniam mal-supreniĝ'anta suno.

Pri malnovaj saŭnoj, se vi interes'iĝas pri tio, mi rakontos al vi en iu proksima numero.

*Raita Pyhälä,* Finnlando



PIED'NOTOJ

1. nun-tempe / 2. speciala vapor'ban'ejo / 3. loĝ'ejo kun ĉiuj necesaj ejoj / 4. aŭtomato, kiu ebl'igas konstantan saman varmon / 5. aparato, kiu mal-pliigas la elektro-intenson / 6. varmo-kvanton en ciferoj / 7. ŝpuc'banejo / 8. alterne en egalaj inter-tempoj / 9. spirita stato, humoro / 10. forta kap'doloro / 11. malsane alta sango-premo / 12. granda vaz'ego por varm'igi akvon / 13. salto en akvon.

# KONSTANTA KONKURSO POR VI en juna amiko

Sciu, ke post ĉiu numero (escepte de la n-ro 1) la konkurs'antoj estas list-ig'itaj du-maniere:

① Listoj kun nomoj, naci'ecoj kaj poentoj (laŭ mal-kresk'anta vico) akir'itaj de la konkursantoj en la *lasta* kvizo. (Nia revuo aper'igas nur la pintojn en ĉiuj tri kategorioj.)

② Listoj kun sum'ig'itaj poentoj, kolekt'itaj de la konkursantoj per ĉiuj antaŭaj kvizoj de la konkurso-jaro (post la marta n-ro tia listo ne povas ekzisti, kompreneble, ĉar sumigi oni povas nur poentojn de 2, 3 aŭ 4 kvizoj).

**Vi povas partopreni en la kvizo post ioma ajn n-ro. Provu mezuri viajn sciojn lingvajn kaj kulturajn. Ne forgesu, ke solv'ante la task'etojn vi povas konsulti librojn kaj gazetojn.**

La regularon vi trovas en la antaŭa numero: 1/00 (92), marto 2000.
Kompletajn listojn vi trovas en nia hejm'paĝo. Vizitu ĝin, ni petas:

***www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto***

## DIVENU! DIVENU!

1. Ĝi havas nek pordon, nek fenestron, tamen kvar'opo loĝas interne.
2. En verda stalo nigraj ĉevaloj manĝas ruĝan fojnon.
3. Tra unu pordo oni en-iras, tra tri pordoj oni el-iras. Kaj kiam oni eliras, tiam oni en-estas.
4. Ĝi estas ĉiam proksima, sed vi neniam ĝin atingas. Kiam vi preskaŭ tuŝas ĝin, ĝi tuj akceptas alian nomon.
5. Oni ne manĝas ĝin, oni ne trinkas ĝin, tamen ĉiuj homoj trovas ĝin tre bon'gusta.
6. La infano de miaj gepatroj, tamen ne mia frato nek fratino.
7. Kion en-havas fajro, tero kaj aero, sed ne akvo?
8. Kiu parolas ĉiujn lingvojn?

*Solvojn vi trovas sur paĝo 27.*

## *La plej lertaj solv'intoj de la marta numero (Redaktis kaj korektis: Dieter BERNDT, Germanio)*

**1-a kategorio:**

*Fruzsina Kiskartali* (gr): 29 p. (Hungario)

**2-a kategorio:**

*Marija Mitevska*: 28 p. (Makedonio)

*Pierre Bureau*: 21 p. (Francio)

**3-a kategorio:**

*Jindřich Tomíšek*: 30 p. (Ĉeĥio)

*Maria Molnár*: 29 p. (Hungario)

*Irina Nagy*: 27 p. (Rumanio)

*Georgo Flender* (gr): 27 p. (Hungario)

**Ni kore gratulas vin!**

n-ro 2 **11-a konkurso-jaro** Lim'dato: 1.VIII.2000

1. Kiun literon for-igi por veni al nova vorto? (3 poentoj)
   *vintro, prujno, konstanta, gracila, saluti, tornistro, tondri, miliono, litero*
2. *Doni en ies posedon kontraŭ mono.* Esprimu per unu vorto. (2 poentoj)
3. Faru almenaŭ 15 vortojn kun la radiko *'parol'.* (3 poentoj)
4. Klar'igu la diferencon inter la vorto-paroj per trafaj ekzemploj: (3 poentoj)
   *intereso-interezo / damaĝo - domaĝo / teroro - teruro*
5. Ŝanĝu la dikan vorton per simil'sencaj vortoj, esprimoj (almenaŭ tri!): *"**Pasas** minutoj"* (3 poentoj)
6. Klarigu la vorton *laŭdi* al amiko, kiu ne komprenas ĝin. (3 poentoj)
7. Konstruu frazon[1] per la vortoj: (3 poentoj)
   *veni, hejmen, el-meti, aĉeti, mi, varoj*
8. Kion vi diras al homo, kiam vi ne komprenas iun lian vorton? (3 poentoj)
9. Kiu inventis[2] la elektran lampon? 2 poentoj)
10. Kiu estas la prezid'anto de UEA? (2 poentoj)
11. Solvu la rebuson[3]: **e n** (3 poentoj)

La solvojn sendu al: *Geza Kurucz, Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario*
Ret'adreso: *<kg@esperanto.nu>*

1. senco-havan aron da vortoj / 2. el-pensis / 3. malfacile solv'ebla tasko.

## Solvoj de la antaŭa numero (n-ro 1)

1. *Post la promeno mi iros hejmen kaj hejme mi skribos leteron al mia amiko.**
2. *vaporŝipo*: ŝipo, kiun movas vaporo / *ŝipvaporo*: vaporo, kiu el-iras el ŝipo.*
3. Fiŝo. Ĝi vivas en akvo, la ceteraj ne.
4. surhavi, suriri, surmeti, surpreni, surscenigi, surteriĝi, surtabligi...
5. *Per trajno mi vojaĝis al mia onklo. / Per trajno li vojaĝis al sia onklo.*
6. FD: fak'delegito, UK: Universala Kongreso, SEL: Skolta Esperanto-Ligo
7. *paro>pako>pavo>paco>peco>peko>peki>peti>peli>pelo>relo>celo...**
8. Legu la bonegan romanon de Mato Lovrak: La Kamaradaro de Petro Nodeto. Mi ĵus finlegis ĉi tiun kroatan por-infanan romanon kaj pruntos ĝin al vi.*
9. Kukurbo.
10. *Mi ankoraŭ ne lernis la lecionon.*
11. Vero. Araneo, ekzemple
12. L.L.Zamenhof

* *signifas ke ekzistas ankaŭ alia ĝusta solvo.*

# INTERKULTURO

*Hejm'paĝo:* **http://lps.uniroma3.it/kler**

***"Medvedgrad" kaj "Dragutin Domjanić"***

Jen estas la nomoj de du Zagrebaj baz'lernejoj, en kiuj Esperanto estas instruata. Estas menciinde, ke en la unua lernejo Esperanto vivas jam 27 jarojn kaj en la alia – 10 jarojn.

***Per komuna laboro al la celo***

La ĉefa postulo de la kurso estas komuna laboro ne nur en rilato: lernanto–lernanto, sed ankaŭ en tiu de lernanto–kurs'gvid'anto. La lernantoj ricevas sufiĉan tempon por esprimi divers'maniere sian opinion kaj komprenon.
Ankaŭ la stud'horojn ni provas kune fari kiel eble plej interesaj. Al tio multe helpas diversaj kantoj, ludoj. Feliĉe, en niaj klasoj troviĝas kelkaj muzik'emaj lernantoj (eĉ kun propraj muzikiloj), kiuj profitas du-oble el la ekzercoj.

***Per instru'help'iloj estas pli facile***

Dum la studhoroj, krom profesie far'itaj helpiloj estas uz'ataj ankaŭ la helpiloj, kiujn pret'igas la lernantoj mem: domino-ludo kun diversaj temoj, ekzemple, aŭ memor'ludo kaj similaj. Por vere internaciigi la instruadon kaj sperton, ni faldas paperojn kiel japanaj infanoj, aŭ foli'umas E-gazetojn. Dum la lasta jaro, ni povis iom-ete uzi en la instruado elektronikajn kontaktojn kun ekster-landaj sam'aĝ'uloj. Estis interese antaŭ ne-longe ricevi foton de la svisaj korespondamikoj, kiun ili faris tiun matenon. Kompense ili ricevis nian sonan sin-prezenton.

***Per ekstera ag'ado la lernantoj dis-radias Esperanton***

La lernantoj aktivas en programoj kaj por la publiko lerneja kaj pli vaste. En la lernejo "Medvegrad", ekzemple, jam plurajn jarojn, unu el la vitrinoj en la koridoro servas por Esperanto. Tie la lernantoj prezentas proprajn verkojn, korespond'aĵojn kun eksterlandaj amikoj, por-infanajn E-librojn kaj aliajn interes'aĵojn. Kelkajn fojojn jare, ni re-aranĝas la vitrinon laŭ-teme: okaze de festoj, ekzemple, aŭ de aliaj okaz'aĵoj: Semajno de Internacia Amikeco, Tago de Patrino, Semajno de Infanaj Rajtoj.
Bona kun-laboro kun la hejmo por mal-jun'uloj ebl'igas al la lernantoj ĉiu-jare gasti tie per programo. Por maljunuloj niaj infanoj kantas en Esperanto, ofte kon'atajn kroatajn kantojn kaj aktoras en la kroata lingvo. Similajn programojn ili prezentas okaze de foiroj.
Pluraj lernantoj partoprenas en diversaj konkursoj pri lingvo-scio kaj desegnado. Kelkaj el ili okupis bonajn lokojn ankaŭ en la konkurso, kiu nun regule aperas en *Juna Amiko.*

***Agado en artismaj fak'rondoj***

Dum la lastaj jaroj, pro la intereso de la lernantoj, ni organizas fakrondojn. La plej nova el ili estas desegnado sur silko (vidu la apudan foton). Kvankam ĝi ne estas dev'iga, tamen preskaŭ ĉiuj lernantoj partoprenas ĝin kun granda intereso kaj ni kune ĝojas pri la rezulto.

*Niaj planoj kaj sukcesoj*

Tiu ĉi lernojaro fin'iĝos per la pret'igo de komuna bulteno kaj ekskurso. Por la fino, mi menciu ke, krom la grupa agado, estas sub-ten'ata ankaŭ unu-opa agado. Por ekzemplo, en la pas'inta jaro, ni petis lernantinon, kiu tre bele desegnas, pretigi la emblemon de "Alp–Adria Esperanto-Konferenco", kelkaj aliaj bone verkas poemojn, unu el kiuj estis leg'ita eĉ dum la jubilea el-sendo de la Pekina Radio.



Ni havas pozitivajn spertojn el la antaŭaj jaroj. Unu el niaj lernintinoj nun estas kursgvidantino, alia gvidas muzikan kaj draman grupojn. Ni havas la esperon, ke el inter la nunaj lernantoj, ne nur el tiuj du lernejoj, sed ĝenerale, en niaj klasoj aktivas geknaboj, kiuj iam aperos en Esperantujo. Pro tio, ni ne ŝparu nun paciencon pro foje necesa ripet'ado kaj ni daŭre respektu iliajn opiniojn kaj ideojn. Iun tagon ni certe fieros pri ili.

*Marija Belošević*, kursgvidantino en Zagrebo, Kroatio

❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖ ❖

**La Internacia Infana Kongreseto (IIK) en Hadassim, Israelo havas 17 partopren'ontojn el Francio, Germanio, Hungario, Israelo, Japanio, Kroatio, Norvegio kaj Rumanio. Pliaj aliĝoj estas bonvenaj!**

Sinjoro *Kindziulis* en la litova humuro estas ŝat'ata figuro, kiu ĉiam al ĉio ajn al-donas siajn «saĝajn vortojn»!



# Latva humuro

El la kolekto de Dieter BERNDT, Germanio



"Ĉu vi scias, ke Miki ne plu drinkas? Kiam hieraŭ mi etendis al li botelon, li eĉ kraĉis[1] al mi".

*Kindziulis:* "Ne miru. Vi certe etendis al li mal-plenan botelon!"

"Kio okazas, kiam akvo ŝanĝ'iĝas en glacion?"

*Kindziulis:* "Pli-alt'iĝas ĝia prezo."

"Sinjorino, ĉu hodiaŭ vi de-nove volas viziti koncerton[2]? Hodiaŭ estas ja la sama programo kiel hieraŭ!"

*Kindziulis:* "Sed hodiaŭ ŝi vestos sin per alia robo."

**"Paĉjo, kiam la homo jam sci'povas paroli, kion li devos poste ankoraŭ lerni?"**

***Kindziulis:* "Silenti."**

"Do, vi diris al nia ĉefo, ke mi estas azeno, ĉu?"

*Kindziulis:* "Ne koleru, li tion jam sciis."

1. el-jetis flu'ajon el la buŝo / 2. prezent'adon de muziko.

**En tiu ĉi paĝo ni volonte aperigos viajn ŝat'atajn ŝercojn.**

**Sendu ilin al ni por rid'igi ankaŭ viajn ekster-landajn amikojn!**

La adresojn de nia redakcio vi trovas en la apuda paĝo.

## SOLVOJ

**Enigmetoj** (paĝo 13)

1. TERpomo, 2. AEROlito, 3. BUtono, 4. KAMPArano, 5. KUKurbo, 6. NEbulo, 7. KARNAvalo, 8. JUGlando, 9. PARkantoj.

•

**Divenu!** (paĝo 22)

1. juglando, 2. akvomelono, 3. pulovero, 4. moragaŭ, 5. kiso, 6. mi mem, 7. literon "r", 8. eĥo.

•

**Piramido el literoj** (paĝo 28)

O, KO, OKA, SAKO, SAKEO, KARESO, ASEKURO, KARUSELO

Rubriko de Zoltán Kurucz

## Ĉu la algoj[1] helpos?

Povas esti, ke la etaj verdaj algoj baldaŭ far'iĝos fonto de brul'aĵo por aŭtomobiloj. Ili produktos puran kaj efikan hidrogenon ne nur por aŭtoj, sed ankaŭ por elektraj centraloj.

Grupo de scienc'istoj en Usono, kiuj serĉas novajn energi'fontojn, anstataŭ turni sin al "super-tekniko" esploras la naturon, kiu jam antaŭ-longe "inventis[2]", kiel produkti energion el akvo kaj sunradioj. Ili estas la algoj, kiuj havas specialan propr'econ produkti hidrogenon, uz'ante por tio sun-energion.

*Laŭ informo de s-ino Kocsis*

1. sur-akvaj sen-trunkaj herboj / 2. el-pensis la manieron kiel krei ion novan.


**juna amiko**

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

27-a jaro, n-ro 2 (93), 2000

**Aperas 4 fojojn jare**

**Redaktoro:** ***Géza Kurucz*** **(Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Retadreso: junaamiko@esperanto.nu**

**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

**Abona adreso: Juna Amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario**

**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**

**Lingva revizianto:** ***André Albault*** **(Francio)**

**Kunlaborantoj:** ***s-ino Raita Pyhälä*** **(Finnlando),** ***Baldur Ragnarsson*** **(Islando),** ***Tatjana Auderskaja*** **(Ukrainio),** ***s-ino Jennifer Bishop*** **(Aŭstralio),** ***Zoran Čirić*** **(Jugoslavio),** ***s-ino Saranath*** **(Hindio),** ***Gennadij Basov*** **(Rusio),** ***Bardhyl Selimi Mezini*** **(Albanio),** ***Till Dahlenburg*** **(Germanio),** ***Dieter Berndt*** **(Germanio),** ***Rinzo Okumura*** **(Japanio),** ***Pekim Tenorio Vaz*** **(Brazilo),** ***Evandro de Freitas*** **(Brazilo),** ***Zoltán Kurucz*** **(Hungario),** ***Bill Mak*** **(Ĉinio),** ***Michel Nkwirikiye*** **(Tanzanio),** ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** **(Rumanio),** ***Mensah B. Attiogbe-Agbemadon*** **(Togolando),** ***José J.Campos Pacheco*** **(Kubo),** ***Anja Karkiainen*** **(Finnlando)**

**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** **(Rumanio),** ***Monika Molnár*** **(Hungario),** ***Pavel Rak*** **(Ĉeĥio)**

**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** **(Hungario)**

**Farita en Presejo Saluton**

**Chinoin u.20, H-1045 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**

# PIRAMIDO EL LITEROJ

En ĉiu vico al-donu novan literon al la antaŭa(j) por trovi la serĉ'atan vorton.



1. gramatika fin'aĵo / 2. mallong'igo en boksa sporto / 3. vic'montra numeralo / 4. granda ujo por diversaj materialoj / 5. japana trink'aĵo / 6. per tio oni montras sian amon / 7. helpo per mono kontraŭ damaĝo / 8. amuz'ilo por infanoj.

*Dieter* BERNDT, Germanio

*Vidu la solvon sur paĝo 27.*

En la antaŭa n-ro 92 sur paĝo 28 ni mis-indikis la patro-landon de Guido Van Damme,
kiu vivas ne en Nederlando, sed en Belgio.
Pardonu!

***Abon'tarifoj de Juna Amiko por la jaro 2000***

| | NLG | Eŭro | DEM | USD | 2–4 abonoj | Ekde 5 | Aere |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 24 | 10.8 | 21 | 13 | -33.3 % | -50 % | en la prezo |
| Tarifo 2 | 13 | 6 | 12 | 8 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 3 | 9 | 4 | 8 | 5 | -20 % | -30 % | +20 % |
| Hungario | 600 HUF | | | | po 420 HUF | | — |